


ORGANO DE
ASTURA ESPERANTO ASOCIO

CATEDRA DE EXTENSION UNIVERSITARIA




UNIVERSIDAD de OVIEDO



GIJON

## UTOPIFANTAZIE...

Post longaj, kaj ofte malfacilaj, konversacioj sinjoroj Reagan kaj Brejnev atingis interkonsenton pri diversaj aferoj, kiuj rekte tuŝas la tutan Homaron.
Nome, ambaŭ ŝtatistoj interkonsentis pri:
- TUJA ĈESIGO DE VETARMADO.
- DETRUADO DE ĈIAJ AMASMORTIGILOJ.
- IOM-POST-IOMA MALARMADO, ĜIS TOTALA SENARMIĜO, DE ĈIUJ LANDOJ DE NIA PLANEDO.

Ambaŭ ŝtatistoj ankaŭ sendis alvokon al ĉiuj registaroj de la Mondo por ke ili kunsubskribu la menciitajn interkonsentojn.
Por certigi realigon kaj kontrolon de tiuj interkonsentoj oni jam fondis, en la kadro de UNO, jenajn komisionojn:
- Pacan Interkonsenton Ĉiuj Observu, kaj
- Kontrol-Administra Centra Oficejo.

Do, la estonto estas ĉiesa!
Oni antaŭvidas longajn kaj larĝajn jarcentojn de PACO. Longe regos Amo inter ĉiuj popoloj. Jà neniu dubas pri tio, ke se oni regule kaj dece kunigas laboradon de ambaŭ komisionoj la afero estos fruktodona!

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0

LASTHORE !
La Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj unuanime akceptis proponon por deviga instruado de Esperanto en ĉiulandaj mezlernejoj.

ADONIS.-

JANUARO-FEBRUARO 1982 | Nº 24

# NIA ANTENO

GRAVA ATINGO!

La Sinjoro Direktoro de la "Asturia Montro-Foiro" disponigis al nia Asocio standon, en la Foirejo, por ke ni povu dece informi pri Esperanto - kaj propagandi la Lingvon en la kadro de " Panorama ASTURIAS 82 ", evento paralela al la "Futbala Monda Konkurso", kiu okazos samtempe kun la en nia urbo okazontaj matĉoj de tia Konkurso.

Krom informadon pri Esperanto, ni plenumos interpretadan servon por tiuj eblaj eksterlandaj gesamideanoj, kiuj vizitos nian urbon okaze de la menciita "Futbala Monda Konkurso".

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

Ni ĝojas pri tio, ke niaj klopodoj en disvastigado de Esperanto, de tempo al tempo, ricevas agnoskon kaj kuraĝigon far elstaraj personoj kiel atestas la ĵurnaleltondaĵo, kiun ni publikigas ĉi-sube:

HOJA DEL LUNES DE GIJON 25 de enero de 1982

FAROLA DE GIJON

TOMAS MONTERO ENTRIALGO

◆ LOS ESPERANTISTAS

Si hay en el mundo, y naturalmente en Gijón que es parte de ese mundo, un grupo de personas admirables por su constancia y por su indeclinable amor a la causa que defienden, es el de los esperantistas, cultivadores y propagadores de ese idioma ideal inventado por el profesor Zamenhoff, con el que todos los países del mundo podrían entenderse si no fuese porque el mundo está cada vez más loco. Pero, pese a esta locura, y al desprecio universal por los valores evidentes, los esperantistas no ceden en su entusiasmo. Recientemente se ha celebrado en nuestra villa una proyección cinematográfica hablada en ese maravilloso lenguaje internacional. Desde aquí envío un saludo admirado a los esperantistas gijoneses y a su portavoz incansable, Amatoro.

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

NEKROLOGO - La pasinta 10-a de Januaro, pro grava montara akcidento, mortis nur 16-jaraĝa, nia samideanino kaj lernantino en la Ĉijara Elementa Kurso , LORENA VIÑA ALVAREZ.

Ŝi,kune kun sia kuzo Dionisio, grimpis la intermonton Torredos, en la Kantabra Montoĉeno, kaj kiam ŝi intencis malsupreniri per la ŝnuro, tiam okazis la akcidento, ŝi rulfalis preskaŭ 200 metrojn malsupren.

Ke ŝi ripozu pace! Ni kondolencas ŝian patrinon kaj ceterajn gefamilianojn.

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

Verkite laŭmaniere de Salomono ...

Ĉu elkonstruos al si mia doloro
bonan domon de tiuj sterilaj tagoj ?
malgranda flameto, kiu forigas timojn,
lumo, al kiu enrigardas lacigita nokto.

El profundo de malvarmo la okuloj gvatas obstine,
mallarĝaj lipoj ripetas ĉiujn nomojn de morto
kaj enfermas min kiel malliberulon lanta kanzono.
Kiel mi retrovos al mi la vojon, laŭ kiu mi revenu ?

Ies paŝoj kaj la tempo mem enkondukos min en ĉambron
per pramalnovaj vortoj mi elkrias mian deziron.
Sed se mi ne komprenos, ne savos min la koro
el tiu, kiu minacas min, deeterna furiozo de vento.

o-o-o-o-o-o-o-o-o-o

Hemeroskopeion ...

Tiel nelonge tie ĉi eksonis
la vorto de maro, ke mi retrovos
la vojon, kiun nek ŝipo,
nek tempesto eldormigis.

Ili gardas, ekstere de la tempo,
reĝajn, lacigitajn vizaĝojn,
silentojn, kiuj silentas maltrankvile,
miljarajn horizontojn.

Hodiaŭ en songoj, kiujn songas Dio,
naskiĝas sirenaj kantoj
kaj penoj de maristaj popoloj
mergiĝintaj
en lanta kirliĝo de erarigaj rondoj.

o-o-o-o-o-o-o-o-o-o

Ish, Isha, Eli, Elis ...

Ni levis al vi nian krion
kaj sur piedfingraj pintoj ni starigadis por ekŝajni pli altaj.

Ni ekvidis nin en tuta nia nudeco,
ni alrigardadis nin en nia soleco
kaj naskis poste kaj filojn, kaj filinojn
dum longa, lante fluanta nia tempo.
Aĥ, se la racio laciĝas, kia malgaja rido,
kiam en malsaĝo de niaj koroj ni neas vian ekziston !

Aĥ, se ni amas vin, kiom da larmoj
fluas pro kulpo de nia torura amo !
Kaj estas ankaŭ sango kaj tiu grandega
maljuna sango-laciĝo. Tie de sube, el sablo
de tiu malplena kaj el acida
pulo-profundo mi alvokas vin
kontraŭ tiu fiodoro kaj koloro, kontraŭ korniko kaj aglo.

Jes, kontraŭ sango ni alvokas, ni,
kiuj vidis arbojn kaj scias,
kiom en via nomo povas esti da moko kaj da silento.

o–o–o–o–o–o–o–o–o–o–o

Verkis: Salvador Espriu; Tradukis: E.Dembski; Kompilis: Sacramento Collado

o–o–o–o–o–o–o–o–o–o–o

## P L E N A N   S U K C E S O N

La 23ª Kataluna Renkontiĝo, kiu okazis en Moyá ( Barcelona ) dum la tagoj 26ª kaj 27ª de la pasinta Septembro, laŭ miaj informoj, sukcesis plene, precipe la programero dediĉita al la " 21aj Internaciaj Floraj Ludoj " kies partoprenantaro superis multe tiujn de antaŭaj jaroj.

La verdikto de la juĝantaro, kiun konstituis la S-roj Casanoves, Gumá, Fernández, Vélez kaj Mora, estis jena:

Natura Floro: " Edeno Retrovota ", de Valdemar Vinar, el Ĉeĥoslovakio.

Subpremio: " Fulgo sur la neĝo ", de Jiri Korinek, el Ĉeĥoslovakio.

Jasmeno: " Urbodomo de Stokholmo ", de Clelia Conterno, el Italujo.

Subpremio: " Itako " , de Harold Brown, el Britujo.

Violo: " La marmora mondo ", de Johan Admond, el Norvegujo.

Subpremio: " Ĉevaloj apokalipsaj " , de Carmel Mallia el Malta.

Originala prozo: " Tia kurioza Alberto ", de J. Kohen el Israelo.

Subpremio: " La forto de l'Destino " de Ljuba Bojaĝieva el Bulgario.

Traduka Branĉo: " Kantika Provo en la Templo " , de Llibert Puig el Katalunio.

Al la organizintoj de la Renkontiĝo kaj al ĉiuj la premiitaj, mi sendas per tiuj ĉi modestaj linioj, mian sinceran gratulon, dezirante ke ilia sukceso stimulu ilin por daŭrigi la meritindan laboron favore de nia kara lingvo Esperanto.

Gijón, 20 an de Januaro de 1.982 a                ESPERANTISTO

=================================

## K U R S O J   D E   E S P E R A N T O   D E   K C E

En la kursoj de Esperanto, kiujn ĉiujare estas organizataj de KCE ( Kultura Centro Esperantista ) en restadejo " Gastejo Edmond Pribat ", kun sidejo en Le Chaux des Fonds, svislanda urbo ĉe la landlimoj kun Francio, 1.400 metroj alta sur marnivelo, tre proksime de la lago Neuffchatel , partoprenis 5 hispanaj geesperantistoj pasintan someron; 4 el ili, loĝantoj el Urbo Zaragoza, kaj tiu, –

kiu ĉi tiun artikolon subskribas, el Gijón.

La ceteraj gesamideanoj ( entute 15 ), estis el Nederlando, Svislando, Belgio kaj Francio, ĉiuj gastoj de tiu citita restadejo, tre bonege mastrumata kaj administrata kaj kiu konsistas el du vilaoj.

La prezoj estas justaj, speciale se ni konsideras tiun altan valoron kiun atingas en la internaciaj merkatoj la svisa franko, kompare al nia modesta peseto.Oni povas diri ke tiu restado estis eĉ pli malmultekosta, sendube, ol kiu ajn alia en niaj hispanaj someraj restadejoj.

Tie, la nedaŭraj kursoj temas pri diversaj aferoj kaj niveloj kaj estas gvidataj de elstaraj gesamideanoj, kiel mi mem povis konstati.

La instruisto kiu gvidis tiun, kiun mi partoprenis kaj kiu temis pri literaturo, estis nederlandano nomata Eduardo.La prononcado de tiu sinjoro estis - tiel lanta kaj korekta, ke ni ĉiuj bonege komprenis.

Estis tre agrabla la travivaĵo kun ĉiuj tiuj gesamideanoj kiuj kunestis, ĉar de la unua momento aperis tiu frateca kamaradeco kiun sugestas Esperanto kaj samtempe utila, ĉar ni nepre devis praktiki plenplene la internacian lingvon.

Je la fino de la nedaŭra kurso, ĉe la antaŭlasta tago, oni aranĝis tipan noktomanĝo laŭ svisa maniero ( vino kun fromaĝo ), kaj ĉe la lasta, laŭ hispana maniero, pri kiu mi raportos sekvantan fojon, se Dio volas.

M A R I N A

++++++++++++++++++++++++++

## HISPANUJO, LANDO DE INTELIGENTAJ HOMOJ

### ++++ LA FUTBALO ++++

Oni pensas ĉiam, ke la homo montras sian inteligentecon pere de siaj agoj.

Oni asertas, ke unu el tiuj agoj estas la futbalo kaj ceteraj sportoj.

Oni konstatas, ke miloj kaj miloj de hispanoj, ofte fanatike, ĉeestas tiun spektaklon, ĉar tiun sporton jam oni difinas kiel spektaklon.

Oni ĝuas la vivon tie, en la stadio.

Oni krias, insultas, diskutas, disputas kun la apuda spektanto.

Oni elspezas milojn kaj milojn da pesetoj.

Oni pagas milionojn kaj milionojn da pesetoj al tiuj reĝoj nomataj futbalistoj.

Oni batalas arde por atingi la prezidantecon de tiu aŭ alia piedpilka klubo.

Oni enŝuldiĝas favore al la klubo, precipe la prezidanto.

Oni foriras rapidege, kiam la klubo funkcias malbone, ekonomie kaj profesie,precipe la prezidanto.

Oni parolas pri la futbalklubo de nia urbo kaj eĉ okazas, ke neniu el la futbala

*teamo estas naskiĝinta en la urbo, en la regiono, kaj eĉ iuj venis el eksterlando*, kaj malgraŭ tio oni metas la lokan ŝovinismon super kio ajn.

Oni kritikas senkompate, kiam la teamo estis venkita.

Oni postulas la "kapon" de la trejnisto, kiam malsukcese disvolviĝas la agado de la teamo.

Oni laŭdas malavare la morgaŭan tagon la teamon, la trejniston, se venko estis atingita la antaŭan tagon.

Oni promesas konstantajn sukcesojn.

Oni vidas la vojon al la pinto, glata, facila.

Oni revenas al la antaŭaj kritikoj pro ne atendita malsukceso.

Oni kulpas la arbitraciiston pri la fiasko.

Oni promesas,laŭ la prezidanteca vidpunkto, la renovigon de la teamo.

Oni aĉetas renomajn eksterlandajn futbalistojn, je tre alta prezo.

Oni akceptas preskaŭ ĉiam, la triumfajn promesojn, eĉ se ili estas neplenumeblaj.

Oni elspezas milionojn kaj milionojn da pesetoj,kiuj ofte ne ekzistas en la kluba kaso.

Oni skribas en la ĵurnaloj pri kiu ajn detalo, de tiu aŭ alia futbalisto.

Oni laŭdas la moralajn kutimojn de tiu aŭ alia futbalisto.

Oni kritikas laŭditan homon, se li ne trafe ludas.

Oni metas milojn kaj milojn da ĵurnalpaĝojn je la dispono de la futbalo.

Oni fotografias la tutan familion de tiu aŭ alia futbalisto.

Oni legas konstante pri la plej eta detalo de tiu aŭ alia futbala idolo.

Oni skribas la plej favorajn adjektivojn pri la prezidanto, la estraro, la teamo, kiam oni atingas sukceson; male okazas en inversa kazo.

Oni petas al la ŝtato plian helpon.

Oni postulas al la membroj de la klubo pli altan kotizon.

Oni plialtigas la prezon de la enirbileton.

Oni omaĝas la teamon se ĝi venkas.

Oni oferas la triumfon al la Virgulino.

Oni oferas la triumfon al la lokaj autoritatoj.

Oni diras, ke la legado estas pli ofta pro la futbalo.

Oni aĉetas la ĵurnalon, por legi tion, kion vidis persone la antaŭan tagon.

Oni malamikiĝas kun la najbaro, se li estas defendanto de alia teamo.

Oni batas pugne tiun, kiu ne samopinias pri "nia" teamo.

Oni ploras, kiam iu futbalisto de nia teamo vundiĝis.

Oni ne ploras, kiam vundiĝas futbalisto de kontraŭa teamo.

Oni invadas la futbalejon,se la arbitraciisto agis malbone,laŭ nia opinio,kompreneble.

Oni ĵetas objektojn al la arbitraciisto kaj al la futbalistoj,cele ilin eĉ mortigi.

Oni metas barojn inter la publiko kaj la terenludo por eviti konfliktoj, kvazaŭ ĝi estus cirko kun danĝeraj bestoj.

Oni uzas la plej malhonestajn esprimojn kaj parolojn por insulti la malsaman opinianton.

Oni diskutas hejme, inter la familianoj.

Oni silentigas la familion, se en la televidaparato oni prezentas futbalmaĉon.

Oni estas pli feliĉaj se nia teamo venkis.

Oni gratulas unu alian se "nia" teamo sukcesis.

Oni havas la fotografaĵon de la teamo en preferata loko.

Oni...Oni...Oni...Oni...Oni...Oni...

Oni evidentiĝas, ke ni, hispanoj, estas inteligentaj homoj.

LUIS SERRANO PEREZ

— SABADELL —

●○●○●○●○●○●○●○●○●○●○●○●○●○●○●○●○●●

La INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ

- HISPANA SEKCIO - organizas

KONKURSO DE SPRITAĴOJ KAJ POŜTKARTOJ

por la Hispanaj Publikaj Kolegioj, sub la sekvantaj kondiĉoj:

a) La redaktado estos en ESPERANTO.
b) La temo estos ESPERANTO EN LA LERNEJO, kaj rilatos kun tiuj du konceptoj.
c) La amplekso estos duonfolieto.
ĉ) Povos partopreni, plenrajte, la hispanaj Publikaj Kolegioj, kie oni instruas Esperanton, kaj, kunlabore, la eksterlandaj Naciaj Kolegioj kaj la enlandaj kaj eksterlandaj Esperanto-Grupoj.
d) Oni devas mencii la Establejojn kaj nombro da gelernantoj en la koncernaj grupoj.
e) La Premioj estos por la Kursoj.
f) La membroj de la Juĝantaro estos:

- Prof. Andrés MARTIN GONZALEZ, Prezidanto de la Organiz-Kongres-Komitato de la XLIIª HISPANA ESPERANTO KONGRESO-1.982, en Málaga.
- D-ino Prof-ino Rafaela Mª URUEÑA ALVAREZ, pri Internacia Juro de la Universitato de Valladolid kaj Prezidantino de la Hispana Esperanto Federacio.
- Prof. Francisco ZARAGOZA RUIZ, Vic-sekretario de la Internacia Estraro de I.L.E.I. kaj Hispana Sekciestro.

g) La Premioj estos:

TROFEO de la Ministerio de Turismo.
TROFEO de la Ministerio de Sportoj.
TROFEO de la Provinca Delegito de Kulturo.Alicante.
TROFEO de la Provinca Delegito de Edukado.Málaga.
TROFEO de la Provinca Delegito de Kulturo.Málaga.
TROFEO de la Publika Kolegio de CALLOSA DE SEGURA.
TROFEO de la Sparkasejo de Alicante y Murcia.
TROFEO de la Sparkasejo de Málaga, kaj

40 lotaĵoj da 10 reklama-ĉapoj ESPERANTO.
60 lotaĵoj da 10 bandoliero-sakoj ESPERANTO, kaj tiom da esperantista materialo kiom da partoprenantoj en la Konkurso, por ke ĉiuj havu kunlaboran Premion.

ĝ) Plie, Diplomo de Partopreno.
h) La kunlaboraĵoj restos la propraĵo de I.L.E.I. - Hispana Sekcio -.
ĥ) La rezultoj de la konkurso kaj la disdono de la Premioj okazos dum la XLII-a HISPANA ESPERANTO KONGRESO en Málága, Julio 1.982, Paraninfo de la Universitato.

Decembro de 1.981

PRAVIGO: Estas sciate ke por bone scipovi lingvojn, la poemetoj, kanzonetoj, desegnoj, proverboj kaj spritaĵoj helpas eficience.Por sproni la intereson, malkovri kapablojn, faciligi nian taskon en la instruado de E-o, profitante ilia didaktika valoro, ni organizas tiun ĉi KONKURSO DE SPRITAĴOJ KAJ POŜTKARTOJ.Partoprenu amase ! Elkore ni dankas vian kunlaboron.

ASTURA ESPERANTO-ASOCIO

## K A S - R A P O R T O

### ENSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| Saldoj je 81.01.01: Ŝparkaso : | 10.863,76 | |
| Kaso : | 48.703,00 | 59.566,76 |
| Enspezo de kotizoj . . . . . . : | 9.225,00 | |
| Donacoj . . . . . . . . . . . . : | 3.950,00 | |
| Subvencio de la Katedro . . : | 25.000,00 | 38.175,00 |
| Aliĝkotizoj de la Kursoj . . : | 18.750,00 | |
| Loteria profito . . . . . . . . : | 139.000,00 | 157.750,00 |
| Libro-Servo (vendo de libroj, insignoj, bildkartoj, glumarkoj, glusteloj, ktp.) . . : | 25.065,00 | 25.065,00 |
| Interezoj (konto ĉe ŝparkaso): | 198,47 | 198,47 |
| | S U M O . . . = | 280.755,23 |

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

### ELSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| Abonoj (Revista Portuguesa de Esperanto, OOmoto, La Kancerkliniko, Fonto, Budapeŝta Informilo ): | 4.777,00 | 4.777,00 |
| LIBRO-SERVO: Fakturoj de UEA : | 32.788,00 | |
| " ESP-TIX: | 3.307,00 | |
| " de HEF : | 2.511,00 | 38.606,00 |
| Aliĝo al 41-a Hispana Kongreso | 500,00 | 500,00 |
| Subvencio al membroj de nia Asocio, kiuj partoprenis la Kongreson en Murcia . . . . . : | 60.000,00 | 60.000,00 |
| Ekspozicio "Bulgario 1.300 j." | 3.502,00 | 3.502,00 |
| Zamenhof-Tago (Ensemblo "Jovellanos, Florbukedo, ktp.) . : | 10.960,00 | 10.960,00 |
| Poŝtaj elspezoj . . . . . . . : | 1.744,00 | 1.744,00 |
| Diversaj elspezoj . . . . . . : | 2.572,75 | 2.572,75 |
| Saldoj je 81.12.31 : Ŝparkaso: | | 49.610,48 |
| Kaso : | | 108.483,00 |
| | S U M O . . . = | 280.755,23 |

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =